# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 23/08/2018 Tricentokdekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

**PMEGramatiko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*

** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 704,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **392,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **300,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **12,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".



## N.ro 42 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .

En la jenaj ekzemploj ne forgesu ekzameni, ĉu vi povas meti "esti" aŭ "estante" antaŭ la adjektivon aŭ antaŭ la substantivon, por esti certaj ke la vorto(j) estas predikativo, kaj ankaŭ por senti pli klare la signifon. Jen la ekzemploj por la Subjekta Predikativo:

1). Malgraŭ la pluvo la ĝardeno restas (esti) sufiĉe seka.

2). Ŝi montriĝis neatendite kapabla.

3). La vintro estas nur milda kaj agrabla.

4). Li tute nuda plonĝis en la akvon.

5). Retromigri al Britujo aperas kvazaŭ fari krimon.

6). La birdo estis manĝanta la semojn sed subite forflugis.

7). Neniu rajtas bicikli tie sen gantoj kaj ne surhavanta kaskon.

8). Estos vera miraklo, se li survivos.

9). Ili retrobiciklis komplete elĉerpitaj kaj malsekaj ĝis la haŭto.



10). Mi retroiros nur, se estanta tute sana.

11). Ni retrovenis tute sen mono kaj tre malsataj.

12). Malesperanta mi fine retrotrovis la ŝlosilon.

En la proksima A. E. mi donos ekzemplojn de la Objekta Predikativo. *Marcel Leereveld.*

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.



La 18a de aŭgusto estis la tria sabato. Venis Roger, Chris, Eunice kaj John. *Roger Springer*

# Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*

# Saluton el Hamburgo (El letero al AEA)



Karaj samideanoj,

Tute hazarde mi trovis vian pdf-dokumenton en la reto:




http://aea.esperanto.org.au/ftp-uploads/AE-329.pdf

Mi ĝojas, ke vi tie traktis mian etan broŝuron sub la titolo "Unu lerneja leciono pri Esperanto!"

Intertempe la broŝuro estas ankaŭ legebla en la itala lingvo, do entute en 6 lingvoj. Por via informo jen la aktuala retadreso por tiu projekto: http://esperanto-klaus.de/

Krome mi skribis broŝuron por infanĝardenoj/antaŭlernejoj, legeblan en la germana, la itala kaj ankaŭ en Esperanto.

Se vi havas tempon, 'vizitu' miajn paĝojn kaj trafoliumu ilin. Tie vi interalie trovos mian e-libron 'Esperanto en la kosmo'.

Kore salutas vin *Klaus Friese* el fora Hamburgo. informis AE-on *Heather Heldzingen*

# Fari lumon mallumo - eble pli facila vidpunkto (AE387)

Kvankam la detala analizo en AE387 nature estas valida, mi havas plian, eble pli simplan, respondon al la demando de Vere Williams pri "Ve al tiuj, kiuj la malbonon nomas bono kaj la bonon malbono, kiuj mallumon faras lumo kaj la lumon mallumo". Ĉu la frazo fariĝas pli facile komprenebla, se ni ŝanĝas la vortordon al malpli poezieca formo? Ekz-e:

Ve al tiuj, kiuj nomas la malbonon bono, kaj (nomas) la bonon malbono, (kaj) kiuj faras la mallumon lumo kaj (faras) la lumon mallumo.

Per tiu ĉi rimedo, la rilato inter la du nominativaj vortoj en ĉiu parto de la frazo ("kiuj" kaj "bono") fariĝas pli klara, kaj ni tuj povas vidi la similecon al strukturoj kiel "mi konsideras lin amiko", "li nomas la infanon Georgo", ktp.

Sincere, *Martin Purdy* NZ

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## “Nenio sur tiu ĉi bonega planedo estas perfekta”.

Legante vian bonegan “A.E” la ĵus pasintan semajnon, la demando de Vere Williams al iu ajn pri klarigo de la gramatiko en Jesaja 5:20 memorigis min pri la vero, ke “Nenio sur tiu ĉi bonega planedo estas perfekta”.

Zamenhof iam diris, ke grupo de homoj kune ne povas fari bonegan poemon! Mi subkomprenas, ke tio, kion li intencis diri estis, ke se oni volas traduki la Sanktan Biblion, oni ne bezonas grupon de tri aŭ kvin personoj, sed ke unu sola persono sufiĉas. Zamenhof mem pruvis tion tradukinte la Sanktan Biblion tute sola!

Antaŭ longe, eĉ longege, mi mem trovis en la Nova Testamento, en Sankta Mateo, 7:6 ion, kion mi mem persone konsideras serioza eraro: “Ne donu sanktaĵon al la hundoj, nek ĵetu viajn perlojn antaŭ la porkoj; por ke ili ne premu ilin sub la piedoj, nek poste, sin turninte, disŝiru vin”!

Laŭ mia ĉiame modesta opinio devus esti: “Ne donu sanktaĵon al la hundoj, nek ĵetu viajn perlojn antaŭ la porkojn; por ke ili ne premu ilin sub la piedojn, nek poste, sin turninte, disŝiru vin!”

Ĉu vi nun bone komprenas? Eĉ la tradukintoj de Sanktaj Skriboj ne perfektas. Do, sekve neniu perfektas kaj tial nenio estas perfekta. Certe planedo kun ĉiama milito ne povas esti nomata perfekta. Tio, kion ni devus fari, estus ĉiame strebadi al ĉiama kaj tutmonda paco. Zamenhof jam donis al ni la lingvon servantan al tiu celo!



*Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La ĝardenon mi lernas, pro tempmanko ne studas.



### LERNI KAJ STUDI.

La du agoj ne estas samaj, sed ofte la limo inter ili estas malpreciza. Oni lernas la aferojn kiujn oni devas scii en la vivo, dum oni studas specialajn aferojn penetrante pli profunden ol kutime la homoj faras. Lerni faratas precipe en juna aĝo, kiam la homido kreskas al plenkreskula homo. Ĉiuj animaloj devas lerni antaŭ ol plenkreski. En tiu tempo oni daŭre lernas sed normale ne studas. Ne ĉiuj homoj studas, kaj ne ĉiam. Se oni studas dum la vivo, tiu studado estas ekstra okupo kaj enhavas specialan lernadon. Ĉiuj homoj lernas precipe en juna aĝo, kiel la animalidoj. Dum plenkresko nur certaj homoj studas, kaj precipe por labori kiel specialisto en iu kampo, dum tiutempe oni kutime ne plu lernas en organizita formo. En elementaj kaj mezgradaj lernejoj oni nur lernas, ĉar la celo estas scii kion ĉiuj plenkreskuloj

scias. Ĝi estas animala procedo en la vivo de ĉiuj. Nur post la organizita lernperiodo pluraj homoj studas, ne kion ĉiuj devas scii, sed specialan scion. Por tio oni enpenetras en specialajn sciojn en specialaj fakoj. Oni lernas por vivi normale, kiel faris la antaŭaj generacioj. Oni studas por scii multe pli pri speciala laboro ol faras la meza homo.

La plej multaj Esperantistoj lernas Esperanton ĉar ili ekscias kion ĉiuj homoj povas . Nur kelkaj el ni studas Esperanton, ja pli profunde ol bezonata por normala uzado. Ĉar ili studas la lingvon, ili estas studantoj de Esperanto, dum la aliaj estas lernantoj de Esperanto. Lernantoj kaj studantoj, ĉar ili hazarde lernas aŭ studas la lingvon, helpe de instruantoj, ne profesie kun instruistoj.

Se via precipa laboro estas lerni aŭ studi en lernejo aŭ universitato, vi ne estas lernanto aŭ studanto, ja hazarde ekster la lernejoj. En la lernejo kaj universitato lerni kaj studi estas via precipa okupo kaj vi do estas lernisto kaj studisto, same kiel vi povas esti, eĉ kiam juna, artisto aŭ pentristo aŭ muzikisto. Por esti lernisto aŭ studisto aŭ artisto aŭ pentristo aŭ muzikisto, ne estas necesa ke vi ricevas salajron por tio, nur ke la laboro estas via, aŭ unu el viaj, plej intensaj kaj interesaj okupiĝoj. Mi estas nur studanto pri Esperanto kaj aliaj lingvoj; se mi studus tion en la universitato mi estus studisto, kiel ĉiuj aliaj universitataj studistoj. Same miaj nunaj pragenepoj estas lernistoj, kaj kelkaj estas lernantoj de sporto aŭ de muziko kiel ekstraĵo.

La angloparolantoj, kaj ne la aliaj, havas stultetan kutimon nomi studistoj (ili uzas la neologismon "studentoj") siajn gefilojn kiuj vizitadas nur elementan aŭ mezgradan lernejon. Se tiuj infanoj ne estas lernistoj, kiuj estas? La gepatroj diras ke iliaj gefiloj studas, kvankam ĝenerale ili nur lernas. Ili lernas nur tion kion ĉiuj aliaj infanoj lernas, en lernejoj. Iliaj lernejoj ne estas universitatoj. Paralele la universitata "campus", kampo, uzatas por ilia "*schoolyard*", lernejgrundo. Ĉu pro tro ŝvelitaj kapoj? Ĉu eble tiun stultetan vortuzon enkondukis la privataj lernejoj? Kial la lernejaj instruistoj ne fariĝis, konsekvence, profesoroj, kiel diras la franca lingvo por mezlernejoj? (Almenaŭ ĉilastaj en Francujo havis dum jarcentoj la nivelon de universitatoj en aliaj landoj).

La nederlandaj lernistoj restas "*leerlingen*" aŭ "*schoolkinderen*", la germanaj "*Schŭler*", la francaj "*e'l'eves*", kaj la samo en aliaj eŭropaj lingvoj. Kaj nur la universitata studisto restas "*student*" aŭ "*Student*" aŭ "*e'tudiant*", laŭ sia profesio de studado.
*Marcel Leereveld*.

PATRO al filo: "Kaj ni devas esti tre dankaj, ĉar sen tiu aero ĉirkaŭ ni ni ne povus vivi". Fileto: "Sed el kie la homoj havigas al si la nigran aeron kiun ni uzas en la nokto?".
*M. L.*

## LA EŬROPA MALSANO EN ESPERANTO.

Regule mi asertas, ke nuntempe la plejmulto el la eŭropaj Esperantistoj, eĉ la plej kleraj, kvankam ege spertaj en la cetera gramatiko, malĝuste komprenas kaj uzas la Esperantajn participojn. Plua ekzemplo aperis en la ĵusa Rezolucio de la Universala Kongreso de Esperanto. La tempo de la rezolucio estas ĉe la fino de la kongreso, kaj traktas la tutan tempon, el de la

28-a de Julio ĝis kun la kvara de Aŭgusto, kaj uzas la Prezencon por tiu tuta tempo jene: “La Kongreso, kunveninte en Lisbono de la 28-a de julio ĝis la kvara de aŭgusto kun 1567 partoprenintoj konfirmAS la aktualecon, kiu estis traktita tra la semajno”. El la vidpunkto de la Prezenco de la Kongreso, ĉiu ago kiu okazis antaŭ tiu semajno okazis en la pasinteco kaj do indikatas per participo finiĝanta en “-inta” aŭ “-ita”. Kiam do la Rezolucio parolas pri la kongreso kiel “kunveninte” (el 28 Julio ĝis kun 4 Aŭg.), ĝi parolas pri kongreso ANTAŬ la Kongreso de 2018. La participo devas esti “kunvenAnte”, ĉar la rezolucitempo estas parto de la kongrestempo kiun la rezolucio traktas en la Prezenco. La homoj en tiu Kongreso estas partoprenAntoj por la Rezolucio, ne “partoprenintoj”, kiel menciita. Ilia rezolucio do diras ke la homoj kiuj partoprenis estas homoj partoprenantaj antaŭ la Kongreso, verŝajne do en antaŭkongreso aŭ en la antaŭa kongreso. Dum la Kongreso oni konfirmis iun aktualecon kiu “estis traktita tra la semajno”, kio signifas ke dum la semajno oni ne traktis tiun aktualecon, oni traktis ĝin iam ajn antaŭ la kongreso, kio verŝajne estas malvero. Fakte la aktualeco traktatis, estis traktata, dum la Kongreso, ja “tra la semajno”. Same stranga estas, ke en la resto de la longa rezolucio ne aperis iuj eraroj en la participoj, kvankam mi trovas stranga, ke oni simpatias kun la “migrAntoj” sed ne kun la rifuĝantoj, nur kun la “rifuĝintoj”. Kaj mi kompatas Katja kiu, kompreneble, ne rajtis korekti la malinteligentajn erarojn.

*Marcel Leereveld.*

## LA REGULO PRI SIGNIFOREDUKTO.

La signifo de vortoj ĝenerale enhavas kombinaĵon de signiferoj. Ekzemple la vorto “hundo” enhavas virajn, inajn, kaj junajn hundojn. La finaĵoj kaj la afiksoj havas kutime nur unu signiferon en siaj signifoj, ekzemple la finaĵo “-e” por adverboj indikas nur ke la vorto estas adverbo, ne pli. Tamen ekzistas kelkaj sufiksoj, kaj finaĵoj, kun pli da signiferoj, ekzemple la finaĵo “-o” signifas ne nur homojn kaj aliajn vivaĵojn, sed ankaŭ objektojn kaj ankaŭ ideojn, abstraktaĵojn. La sufikso “-ebla” indikas ne nur ke la radiko povas fari ion, sed samtempe ke tiu farado estas pasiva, do ”ebla” = POVAS ESTI FARATA, do “manĝebla” = ke la substantivo povas kaj samtempe ricevas la agon, kiel en “la hundo manĝeblas” (en Ĉinujo) la hundo ne nur rilatas al manĝi sed ankaŭ ke ĝi pasive manĝas, do manĝatas. Kaj en “manĝema” la hundo VOLAS manĝi kaj samtempe ke la manĝado estas aktiva, nome ke la hundo mem manĝas (ankaŭ en Ĉinujo, kie oni ŝatas havi malgrandajn domhundojn).

La participoj ĉiuj havas du signiferojn: Unue la signifo de AŬ aktivo AŬ pasivo, kaj due la signifo de unu el la tri tempoj, pasinteco (Preterito), estanteco, nuno (Prezenco), kaj estonteco (Futuro). Se hundo estas manĝinta, ĝi KAJ faras la agon mem KAJ faris tion en la pasinteco, kaj se la hundo estas manĝota ĝi suferas la agon (Pasivo) kaj ĝi faros tiun pasivan agon en la estonteco. (*The dog has eaten kaj The dog will be eaten*). Alia dusignifa finaĵo estas la finaĵo “-a”, kiu povas signifi “apartena” kiel en “la patra aŭtomobilo”, kaj “samkaraktera”, kiel en “la patra zorgado ante sian junan fraton”. Kaj ekzistas deko da aliaj dusigniferaj afiksoj.

Ne oficiale formulante nek deklarante ilin tiaj, Zamenhof faris dekon da kazoj en kiuj li deklaris ke en certa formo aŭ en certa funkcio iu de tiuj dusigniferetaj sufiksoj aŭ finaĵoj havas nur unu el la du signiferoj, do li reduktis la signiferojn al unu en tiaj kazoj. Jen ekzemplo: la finaĵo “-o” signifas ne nur homojn, sed ankaŭ objektojn. Do ĉe la participa sufikso en “falanta” la substantivo povas esti KAJ homo KAJ objekto: falanta viro kaj falanta arbo. Sed SE UZATA

KIEL SUBSTANTIVO, kaj nur tiam, la finaĵo "-o" indikas nur homojn. Do falanto povas esti nur homo, ne objekto. Ĉi tiu estas la REGULO PRI SIGNIFOREDUKTO, praktikata sed ne oficiale formulata de Zamenhof. La kondiĉo estas, ke tia sufikso aŭ finaĵo ne jam estas ĝenerale uzata. En sia tempo Zamenhof ne uzis, kaj neke aliaj Esperantistoj uzis, la participan substantivon por objektoj.

Zamenhof kaj aliaj kreis plian dekon da tiaj Signiforedutoj, ekz. la pluralo signifas plurecon de la substantivo, sed ne de la adjektivo, ĉar rozoj estas pluro de rozo sed ruĝaj ne estas pluro de ruĝa, kiel en la diversaj ruĝoj, do pluraj specoj de ruĝa. La redukto estas "pluralo nur de substantivoj". Antaŭ trideko da jaroj mi oficiale deklaris tiun de Zamenhof aplikatan "Regulon de Signiforedukto".

Ĉar Zamenhof rajtis fari tiajn signiforeduktojn, sub striktaj kondiĉoj, ankaŭ ni rajtas tion fari, sub striktaj kondiĉoj. La kondiĉoj estas: **unue** ke estu bezono en la lingvo, **due** ke la regulo validu nur en certa reduktita funkcio, kaj **trie** ke la koncerna formo ne jam uzatas en nereduktita senco. Konsekvence antaŭ trideko da jaroj mi deklaris la aplikon de tiu Regulo al la signifoj de la sufikso "-at-", SED NUR SE UZATA KIEL VERBO, t.e. kun unu el la finaĵoj –as, -is, -os, -u, -us, kaj –i; kaj ke tia verbo kun la sufikso "-ati" (perdinta la signiferon de tempo kaj plu tenanta nur la signiferon de pasiveco) indikas nur la Pasivan Voĉon, por havi unuvortan pasivan verbon kiel havas la aliaj Voĉoj, kaj tiel evitante escepton al la regulo ke normale unu signifo esprimatas per unu vorto. Do "Hundoj manĝatas de nur kelkaj vjetnamanoj".

Dum la lasta jarcento pluraj Esperantologoj, inter alie Zamenhof, serĉis Fundament'ecan manieron por povi uzi ekzistantan sufikson por tiel krei unuverban Pasivan Voĉon, kaj ne sukcesis, ĉar ili ne konsciis pri la Regulo de Redukto. Nur pro tiu Regulo mi kapablis kaj rajtis proponi kaj uzi la unuvortan verban Pasivan Voĉon, per la reduktita sufikso "-ati". Kaj nun pluraj aliaj Esperantistoj uzas ĝin.

Per la sama Regulo pri Signiforedukto mi pove kreis la prepoziciaĵojn "ate de" = "farate de" kaj "ante al" = "farante al" kiel en la ekzemploj "La murdo ate de la policano" kaj "La murdo ante al la policano" (ambaŭ "de la policano" en la Zamenhof'a uzo). Sed ĉi lastaj prepoziciaĵoj uzatu nur ĉe dusenceco de "de", dum la verba Pasiva Voĉo ekzistas nur se uzatas " –ati", kies uzo do estas esenca kaj necesa.

Marcel Leereveld.






*Peter Danzer*

Lastan Sabaton membroj portis novajn nomŝildojn desegnitajn de komputilo--magiistino, Linda. Ankaŭ ni studis traduko de estimata Esperantisto Erhard Claus pri la origino de La Ruĝa Kruco, iniciinta de Henri Dunant kiu ricevis la Pacpremion de la Nobel- Fondaĵo en 1901.



# Heather Heldzigen sendas novaĵon el la UK



Post la kongreso en Lisbono mi vojaĝis tra Portugalujo kaj unu el la plej elstaraj spertoj estis kiam mi vizitis la Joanina Baroka bibliotekon en la historia centro de la Universitato de Coimbra, Portugalujo. Konstruita en la 18a jarcento dum la reĝado de la portugala reĝo John V, ĝi estas parto de la Universitato de Coimbra Ĝenerala Biblioteko. Ĝi estas Nacia Monumento kaj havas grandan historian valoron kiel unu el la ĉefaj turismaj allogoj inter la plej malnovaj monumentoj en la universitato.

La biblioteko estas unu el du en la mondo (la Mafra-palaco-biblioteko estas la alia) kies libroj estas protektataj de insektoj pro ĉeesto de kolonio de malgrandaj vespertoj. Dum la nokto, la vespertoj konsumas la insektojn kiuj aperas, forigante la pestojn kaj helpante al la bontenado de la stakoj. Ĉiun nokton, laboristoj kovras la tablojn kun tukoj de ledo. Matene la biblioteko estas purigata de vesperta guano. Provizita de kopioj de la plej raraj bibliografiaj kolektoj, la Baroka Biblioteko enhavas librojn kiuj datiĝas de la 16-a, 17-a kaj 18-a jarcentoj - kaj reprezentas la plej bonan haveblaĵon de la kulturo de Eŭropo de tiu tempo.






*Heather Heldzingen*



# Vizito al Kosta Riko kaj La Pasko Insulo

De la 20a de Julio ĝis la 13a de Aŭgusto mi vizitis Kosta-Rikon kaj la insulon de Pasko.



Mi atendis plibonigi mian hispanan lingvoscion. (Mi lernis ĝin en la lernejo antaŭ pli ol 60 jaroj kaj preskaŭ neniam havis la okazon uzi ĝin poste, do forgesis preskaŭ ĉion de la malmulto kiun mi tiam lernis.) La problemo estis ke laŭ mia aspekto oni tuj pensis ke mi estas loka persono kaj alparolis min en ege rapida hispana!

Alia problemo estis, ke se mi devis pensi pri iu vorto, venis Esperanto en mian kapon!

Sed ĉar la vortoj kaj en Esperanto kaj en la hispana havas latinajn devenojn, mi unue simple uzis la Esperantan vorton kaj oni komprenis min!

Sed bonŝance iom post iom, mi povis pli bone paroli hispane kaj ne "Hisperanto"!

En K.R. mi partoprenis 'aventuro'-ekskurson.

Kiel kutime mi estis multe pli aĝa ol la aliaj kaj foje ne povis fari la tre energiajn aventurojn. Sed tamen estis ĝuinda la tuta vojaĝo- ni vidis multe da bestoj nekutimaj ktp.

La I.d.P. estis tute alia sperto- malgranda insulo kun vilaĝa atmosfero. Kompreneble mi vizitis/ lernis pri la famaj '*Moai*' kaj krome ĝuis la simplan vivon tie.

Mi intencas prelegi pri tiu vojaĝo dum la venonta AEA kongreso en Adelajdo dum Januaro 2019.



Do partoprenu la kongreson kaj lernu pli! *Indrani Beharry-Lall*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Uzu Esperanto-literojn Ĉ, Ĝ, Ĵ, Ĥ, Ŝ kaj Ŭ

## Kelkaj proponoj sekvas. Elektu la plej facilan por vi kaj uzu ĝin.

La specialaj Esperanto literoj estas ĉiuj en la ''Latin 3 Symbols'' supre dekstre sub ''Insert''. Oni alklakas ''Insert'' kaj dekstre aperas ''Symbols''. Oni povas instali la Esperantajn literojn sur la klavaron. **aŭ**

**Por vindozaj komputiloj senpagaj Ek!** Aŭ Tajpi. aŭ vidu sube

Unu el la pli facilaj metodoj **http://esperanto.typeit.org/ senpage aŭ**

**http://www.typeit.org/app/?lang=esperanto&side $US12.50c (A.E. uzas *typeit*)**

Angle http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters,

Esperante : http://eo.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters

iPhone: Nun estas havebla pli bona Esperanto-klavaro por iPhone/iPad kun iOS8. https://itunes.apple.com/au/ap/id951119795

Se vi ankoraŭ ne povas uzi la Esperantajn literojn, uzu la '**x**' post la litero kiu bezonas la supran signon

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# “Malgrava historieto pri mia vivo” Bob Felby



## Ĉapitro 16 Loĝas en Aŭstralio Kaj mi eklaboras en Adelajdo. Dua ero

Oni komencis enirigi tiujn pasaĝerojn, kiuj iros al Adelajdo, en aŭtobuson. Vidante niajn du knabojn, kaj Linda, oni ekkompatis nin, kaj ree ni ricevis senpagajn ĉambrojn en iu hotelo apud la flughaveno. Oni eĉ veturigis nin tien per aŭtomobilo.

Tio estis la dua fojo en nia vivo, kiam ni estis en hotelo. Estis tre bonege. Estis televidilo kaj klimatizilo en la ĉambroj. Ni rigardis televidon, sed ne sciis kiel funkciigi la klimatizilon. La infanoj rifuzis enlitiĝi, mi do malŝaltis la televidilon kaj ili iris por dormi en la apuda ĉambro.

Ni trovis pleton da tasoj, sukero, lakto ktp. kaj komencis fari teon. Post tiam ankaŭ ni enlitigis nin.

En la mateno ĉio estis multe pli bona. Oni ree laboris, almenaŭ en la hotelo, kaj ni povis iri malsupren kaj matenmanĝi. Tio estis tre amuza. Oni diris al ni, ke neniu pagas servmonon en Aŭstralio, do ankaŭ ni ne volis, sed tamen, mi donis unu dolaron al la kelnerino. Tio egalis tiam al dkr 10, mi estas molkorulo !

Post la matenmanĝo ni eliris por vidi Melburnon. Ni vidis kelkajn vendejojn, kaj ridis, ĉar neniu forprenis la kristnaskajn ornamaĵojn, kvankam estis jam aprilo.

Ni reiris en la flughavenon, kaj rigardis la aliajn pasaĝerojn. La plej multaj el ili parolis la aŭstralian lingvon, kaj tio amuzis nin. Mi provis imiti ilin, sed Audrey koleris kaj silentigis min.

Ŝajnis ke la kafejoj ree funkciis, do opiniante ke la striko jam finiĝis, ni reiris al la hotelo, kaj klarigis, ke ni ŝatus foriri al Adelajdo nun.

“Jes, tio eblas”, oni diris, kaj venigis la aŭton por alporti nin la 500 metrojn al la flughaveno. De tie ni flugis al Adelajdo, kaj estis mallume kiam ni alvenis.

Alveninte unu tagon malfrue ni ne atendis, ke iu atendos nin. Sed, kiel jam dirite, la vivo plenas de surprizoj. Atendis nin du sinjorinoj el Migrada Servo, kaj taksiŝoforo. Krom tio ankaŭ George Clarke, apotekisto el Orroroo, kaj Thea van den Boogaard kun sia edzo. George kaj Thea estis esperantistoj. Do ni havis je nia dispono unu taksion kaj du aŭtojn. Ni ĉiuj veturis al “*Pennington Hostel*”.

Mi, Audrey kaj Thea sidis en la aŭto de George parolante Esperanton. La infanoj sidis en la taksio, kaj la edzo de Thea sekvis nin per sia aŭto. Tiu taksiveturado estis senpaga, kaj post tiam ni neniam plu ĝuis senpagajn taksiveturadojn.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Reklamu viajn klubkunvenojn ĉi tie. Sendu la informon al rspring@tpg.com.au

Ne raportitaj kunvenoj rapide velkos el historio kaj memoro ✝

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Se vi havas problemojn malfermi la subajn ligojn, informu min**

***Uzindaj ligoj Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon***

**PMEGramatilko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*

* *Esperanta Retradio* * *Google Translate* * *Pasintaj eldonoj* *rogerspringer@tpg.com.au